

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 4 N-ro 4 (15) decembro de 2005

## NOVAĴO

**Ĝemela Renkontiĝo Kluĵo 29-30 Julio 2005, Rumanio**

Kluĵo havas 13 ĝemelurbojn! Nia Esperanto-Asocio decidis organizi internacian renkontiĝon kun la esperantistoj, kiuj loĝas en la ĝemelurboj.

S-ino Maria FLORESCU, la direktorino de Municipa Kulturdomo – kie la kluĵaj esperantistoj renkontiĝas ĉiusemajne jam de multaj jaroj – proponis, ke ni organizu internacian simpozion, kun la temo: Esperanto – Vojo al komunikado kaj internacia kooperado.

Ni serĉis la nomojn kaj adresojn de esperantistoj loĝantaj en la ĝemelurboj kaj ni sendis al ĉiuj invitleteron. Bedaŭrinde la periodo ne estis la plej taŭga kaj konvena, - sed ni ne havis eblecon elekti alian - ja ĝi koincidis kun la ĉi-jara Universala Kongreso, tamen ni esperis, ke ni sukcesos.

Esperantistoj el kelkaj urboj eĉ ne respondis al nia invitletero, sed el ses urboj al venis respondo. Bedaŭrinde, ne ĉiuj povis persone ĉeesti nian simpozion, sed tiuj personoj sendis la tekston kaj ni laŭtlegis ilin.

Alvenis el Pecs, Hungario, s-ro SZÖCS István, la prezidanto de Esperanto-Asocio en Pécs. La temo de lia prelego: LINGVAJ PROBLEMOJ EN EŬROPA UNIO.

EL Zagrebo, Kroatio, alvenis du gejunuloj, reprezentantoj de Esperanto-Societo "Bude Borjan". Ambaŭ prelegis. La titolo de la prelego de f-ino Jelena LONĈARVEVIĈ estis: EKZISTAS DU LEGENDOJ PRI EKESTO DE ZAGREBO. La prelego de s-ro David REY HUDECHEK temis pri: MIA ESPERANTISTA VIVO.

La sendaĵojn oni laŭtlegis de s-ro Harald SCHMITZ el Kolonjo, Germanio, kun la titolo: Esperanto – VOJO AL INTERKOMUNIKADO, kaj de s-ro Alain DROYER, Dijon, Francio, kun la titolo : ESPERANTO NE ESTAS UTOPIO! Kaj de s-ro Gjerji Gushio el Korce, Albanio, kun la titolo:ARUMANOJ KAJ VLAHOJ EN ALBANIO.

Apud la ĝemelurbaj prelegoj la simpozion riĉigis esperantistoj el rumaniaj urboj: S-ro NAGY E. JOZEFO el Bukuresto, kun temo: LA ESPERANTA DUONA DE MIA VIVO, kaj s-ro Costantin DOMINTE el Bukuresto, kun temo: ETONIMOJ, POLITONIMOJ KAJ GLOTONIMOJ EN NATURAJ LINGVOJ KOMPARE KUN ESPERANTO, kaj s-ro Doru NEAGU el Slatina, kun temo: ESPERANTO KAJ LA EŬROPA LINGVA INTEGRIĜO.

Posttagemeze ĉe la Ronda Tablo post la prelego de Sigmond Julia: Esperanto, MIA DUA LINGVO, okazis libera diskuto, opini-esprimo, koncerne de la temo ĜEMELURBO - KIE? Ĉiuj ĉeestantoj aktive partoprenis, ne nur la prelegantoj. Ĉeestis esperantistoj ankaŭ el Oradea, el Praid, el Gherla kaj el Brodina de Sus, krom la kluĵaj gastigantoj. Sube vi povas legi kelkajn opiniojn pri chi tiu renkontiĝo.(SIGMOND Julia)

Opinioj pri Ĝemelurba Renkontiĝo

En la nomo de esperantistoj en Pecs, Hungario, mi tre dankas la inviton, vian tre grandan videblan laboron. Min surprizis la belaspektaj presaĵoj pri la programo. Se vi havas eblecon, presigu je la jarfino kartforman kalendaron, kie la monatoj kaj tagoj estu skribitaj en Esperanto kaj

sur la dorsa flanko estu informoj, adresoj (retaj) pri Esperanto en nacia lingvo. (5-10 milojn vi povus disdonadi).

En Pecs ni ankaŭ faras similan, kvankam ni ne gajnis novajn anojn, tamen estas vivsigno. Mi ne miras pri la pasiva sinteno de aliaj ĝemelaurboj, ja estas tro multaj okazintaĵoj en Esperantujo kaj malpli multaj la vojaĝemaj aktivaj esperantistoj.

Mi deziras forton al la laboro kaj pacienco toleri la indiferenteco. Mi tre ĝojas kaj dankas, ke mi povis ekkoni vin kaj aliaj vere bonajn esperantistojn el via urbo kaj lando. (SZÖCS István, Hungario)

Pensoj pri la simpozio

Pensoj pri la simpozio? Nur bonaj. La aranĝo estis tre bona, la vivkondiĉoj de la partoprenantoj pli ol akcepteblaj, dank' al la malavareco de la kluĵa urbestraro. Ni aŭskultis bonajn prelegojn kaj konfesojn per kiuj oni disdividis al ni personajn spertojn rilate Esperanton, kies debato daŭris eĉ dum la paŭzoj, post la propre-dirita prelegado. Novajn kaj agrablajn konatiĝojn oni faris.

Tamen, io bedaŭrinda estis, ke, malgraŭ la elkoraj fortostreĉoj de la organizintoj, la reeĥo de la simpozio en eksterlando estis malalta. El la totalo de 13 ĝemelurboj de Kluĵo, krom partoprenantoj el du ĝemelurboj - Pecs kaj Zagrebo -, du tri reagis nur mesaĝe aŭ sendante la tekstojn de la koncernaj prelegoj, dum aliaj – ĉirkaŭ duono da ili – neniel reagis, Veras, ke ne mankas la klarigaj kialoj: la distancoj estas grandaj, precipe kiam oni situas en Azio aŭ en Amerikoj; la mezsomera varmo estis tre ĝena; aliaj, grandiozaj, aranĝoj – ekzemple la UK – konkurencis la nian.

Por la partoprenantoj, eĉ en tria stato, la simpozio estis spirite riĉiga, kaj pro tio ni elkore redankas la organizantoj: s-inon Julia SIGMOND kaj siaj geasisitantojn: f-ino Anna Maria BALAZS kaj s-ro Liviu BARDI, la konata teamo d e la redaktantoj de BAZARO. (Costantin DOMINTE el Bukuresto)

Postfesta impreso de Jozefo E NAGY el Bukuresto pri la renkontiĝo, jen estas:

"En la renkontiĝo de la ĝemelaj urboj,
Pli da Ĝemeloj estis, ol da urboj"

**[komentario]**Tamen mi diras, ke ĝi ankoraŭ estas sukcesa kvankam la ĝemelurba renkontiĝo de Kluĵo ne atingis la esperatan rezulton, ĉar Asocio de Esperanto Kluĵo brave elpaŝas antaŭen, ĉar oni povas ĉerpi la valoran sperton el la renkontiĝo. Onidire ajna vojo formiĝas el la piediro. Tial el n-ro 3 BAZARO/2005, Esperantlingva revuo, Kluĵo, Rumanio, mi elektas la plej parton pri ĉi renkontiĝo por instigi niajn samideanojn. Mi esperas, ke la venonta renkontiĝo sukcesiĝos kaj ĝin la ĝemelurbaj esperantistoj de Kluĵo aktive partoprenos. (la komisiito)

**La Hirundo ne plu aperas**

Pro la forpaso de s-ino Anita Bergh, grava redaktorino de la Hirundo - gazeto por membroj de Esperanto en Väsby, Svedio, la redakcio decidis ne plu aperigi ĝin. Oni sume legis ĝiajn 57 numerojn dum 7 jaroj. La Hirundo ofte raportis agadojn pri ĝemelaj urbojn, en la lasta numero ankoraŭ ĝi aperigis informojn pri ĝemelaj urboj por la 91-a UK okazota en Florenco, ekz, listo de ĝemelurboj inter Svedio kaj Italio, proponoj pri la aranĝo de ĝemelurbaj aktivecoj antaŭ, dum kaj post la kongreso. (el mesaĝo de Kaisa Hansen kaj n-ro.57 la Hirundo)

**Pri la forpaso de TAKEUTI Yosikazu**

La anonco de la prezidanto de Japana Esperanto-Insitituto

En la 29-a de aŭgusto, 2005, forpasis s-ro TAKEUTI Yosikazu, la eksa prezidanto de la Komisiono pri la Azia Esperanto-Movado (KAEM) de UEA, sub kies gvido komenciĝis la Azia Kongreso de Esperanto, kies unua okazigo estis en 1996 en Shanghaj, Ĉinio. Pro tio li estis distingita per Premio Ossaka, la plej prestiĝa E-movada premio en Japanio, en 1999.

S-ro Takeuti naskiĝis en 1931, konatiĝis kun Esperanto en 1946, kaj aktivis en Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG), kies tereno estas Kansajo, nome japana regiono inkluzive de la urboj Kioto, Takatuki, Oosaka kaj Koobe. Li agadis ankaŭ en Japana Esperanto-Instituto, kies vicprezidanto li estis. En 2004, li estis elektita kiel honora membro de UEA. (Sibayama Zyun'iti)

Funebra saluto de la komsiisto

Mi tre triste informiĝis, ke forpasis s-ro TAKEUTI Yosikazu. En la nomoj de la komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj amiko de TAKEUTI Yosikazu, mi esprimas nian kondolencon al lia tuta familio.

S-ro TAKEUTI Yosikazu estis pioniro en la kampo "per Esperanto por interurbo-ĝemeliĝo", kaj forta subtenanto kaj fidela praktikanto de la projekto "Ĝemelaj Urboj". Frue en 1986, nome antaŭ ĝemeliĝo de la ĉina urbo Changzhou kaj la japana urbo Takatuki, en kiu loĝis, li kaj sia edzino TAKEUTI Tomiko, esperantistino jam forpasinta, unue malfermis la interŝanĝan pordon inter esperantistoj kaj inter du lokaj E-organizaĵhoj, Esperanto-Societo en Takatuki (EST) kaj Changzhou Esperanto-Asocio (CZEA), kaj pro lia penado oficiale ĝemeliĝis la lernejoj Yosumi en Takatuki kaj Dongfang en Changzhou per Esperanto. Li dekkelk-foje vizitis Ĉinion por intensigi la kunlaboron inter ambaŭ urboj. Pro tio CZEA ricevis la titolon "La Bazo de Internacia Interŝanĝo por Eduko kaj Kulturo", kaj s-ro TAKEUTI mem ricevis la titolon "Honora profesoro" de Changzhou Gerontologia Universitato.

En la pasintaj jaroj s-ro TAKEUTI kolektis karajn spertojn pri la projekto "Ĝemelaj Urboj", al kiuj li substrekis (1) aktive krei modelon de kunlaboroj de esperantistoj en ĝemelaj urboj kaj helpi la ĝemeliĝon de lernejoj; (2) senhezite prezenti la sukcesan rezulton al la koncernaj instancoj de la municipo; (3) senĉese konvinki la magistratanojn pri la bezono de Esperanto per konkretaj laborfruktoj.

La forpaso de s-ro TAKEUTI estas granda perdo ne nur por lia familio, sed ankaŭ por japana kaj monda Esperanto-movado, precipe por la projekto "Ĝemelaj Urboj". Lia spirito kaj spertoj instigos kaj gvidos min plibone fari la laboron de la projekto kaj grande progresigi ĝin. Pacon, S-ro TAKEUTI Yosikazu. (Wu Guojiang)

Dankesprimo de la prezidanto de KAEM

S-ro TAKEUTI Yosikazu, Komisiono de UEA pri Azia-Esperanto-Movado (KAEM) dankas vin okaze de la 4-a Azia Kongreso de Esperanto en Katmando pro via granda kontribuo al la evoluo de Esperanto en Azio.

Vi kontribuis al la fondiĝo de KAEM en 1994 kaj poste vi laboris por la movado kiel prezidanto (1995-1997), vic-prezidanto (1998-2000) kaj subkomisiono (2001-2005) de KAEM.(HORI Yasuo)

Akrostika kondolenco de ĈRI al TAKEUTI Yosikazu

Informinte pri la forpaso de s-ro TAKEUTI Yosikazu, ni sentas nur fortan triston kaj profundan bedaŭron pro la eterna perdiĝo de nia kara amiko, fidela aŭskultanto kaj konstanta kunlaboranto en la ĉiutaga Esperanto-disaŭdigo.

Paco al lia cindro

**T**omik' kaj Yosikazu, ho, al vi transmondan pacon,
**A**mikoj trans la maro kaj fidelaj aŭskultantoj
**K**aj en la Esperanta Movado fortaj gigantoj!
**E**lkore ni vin karmemoras, konservas donacon
**U**nikan el paseo via kaj vigle laboras.
**T**ra l' jonosfer', verda ond' pli verve kuras;
**I**nter JEL kaj ni l' kunlaboro plu sakuras*

(Esperanto-Redakcio de Ĉina Radio Internacia <espradio@cri.com.cn>, *sakuro=japana arbo kun bela floro)

Kondolenco el la ĝemelurbo Changzhou

Kun granda malĝojo ni sciis pri la forpaso de nia kara samideano Takeuti Yosikazu. Por multaj el ni----Changzhou-a E-Asocio, li estis tre entuziasma samideano kaj diligenta movada aktivulo kaj nia multjara amiko. Lia forpaso estas vere perdo de nia movado kaj en Esperanto-movdo kaj en amikeca movado inter urboj Changzhou de Ĉinio kaj Takatuki de Japanio.

Ni ĉiuj memoras ke aŭtune de 2003 li spite sian sanstaton kuraĝis entrepreni vojaĝon al nia urbo Changzhou, portante oksigen-botelojn por helpi la spiradon. Li jam la 18-an fojon vizitis Dongfang Elementan Lernejon de Changzhou, kie Esperanto estas instruata kiel deviga kurso, kaj kiu ankaŭ estas ĝemela lernejo Yosumi Elementa Lernejo de Takatuki per Esperanto kaj klopodo de esperantistoj el ambaŭ urboj. Tian vojaĝon li kutimis fari ĉiujare, por prelegi aŭ gvidi kurson por la lernantoj. Por la amikeco inter Ĉinio kaj Japanio, li faris grandan kontribuon.

S-ano Takeuti Yosikazu ĉiam estas imitinda modelo por ni, kaj ĉiam vivus en niaj koroj. Ni ĉiuj klopodu daŭrigi liajn laborojn por la diskonigo de Esperanto kaj amikeco inter Ĉinio kaj Japanio. Bonvolu akcepti nian koran kondolencon el Changzhou-a Esperanto-Asocio. (Zhang Changsheng, Prezidanto de Changzhou-a Esperanto-Asocio)

Memora kunveno por TAKEUTI Yosikazu

La 23-an de novembro en lia urbo Takatuki ni okazigis kunvenon por memori lin kun ĉeesto de 74 homoj. Kunvenis ne nur esperantistoj, sed ankaŭ liaj neesperantistaj amikoj kaj parolis pri liaj vivo kaj agadoj, en kaj ekster Esperantujo. "La Movado", la monata organo de KLEG, kies prezidanto li estis, dediĉis ses paĝojn de la novembra numero por rememori lin. Al ĝi kontribuis interalie s-roj Laŭlum, Lee Chong-Yeong kaj Ulrich Lins, ĉiuj liaj malnovaj amikoj. (Mine Yositaka)

Lasta mesaĝo de s-ro TAKEUTI Yosikazu al UEA-komitato kaj aliaj

Tre probable ĉi tio povas esti mia plej lasta kaj oficiala mesaĝo el la reala mondo, kvankam mi tute ne deziras tion. Al mi deklaris ĉe la konsultiĝo ina doktoro, kiu estas en sia fako monde konata specialisto de Universitato de Kioto, ke mi plu vivos nur unu jaron kaj kelkajn monatojn. Jam pasis tiuj "pli ol kelkaj monatoj". La simptomo iĝis serioze grava tagon post tago tute laŭ ŝiaj vortoj. Nun mi povas fari nenion sen eksterordinare multe da oksigeno. Sed tio kaŭzas aliflanke

problemon pri karbona dioksido en mia cerbo, kaj mi havas gravan problemon ankaŭ en la hepato kaj la koro.

Mia malsano estas Ne-Specifa Interstica Pneŭmonio (NSIP) kaj apartenas al ĝia plej malbona grupo. Miaj pulmoj fariĝis plejparte fibrome malmolaj kaj eĉ iĝis kiel nesto de vespoj. Restas nur malmulte da kapacito, kiu apenaŭ igas al mi la spiradon. Tiu serioza stato de la pulmoj neniam estonte estiĝos renormala.

Mi plejkore dankas vin pro ĉio, kion vi favore donis al mi dum mia 60-jara esperantista vivo. Precipe dankinde estas, ke vi distingis min per honora membreco. Kia ĝoja kaj kuraĝiga arangô al mi en la lito! Sed kia bedaŭrinda kaj malĝoja estas al mi la fakto, ke hodiaŭ mi ne estas inter vi!

Mi devas aparte esprimi, ke mi ŝuldas grandan dankon al s-ino Edvige Ackermann, kiu ĉe mia malsaniĝo prenis sur sin la rolon de prezidanteco de Elekto-Komisiono, sukcesigis la aferon multe plibone kaj eĉ pavimis la vojon al la estonteco. Kaj mi devas resti dankema ankaŭ al s-ro Povilas Jegorovas, membro de la komisiono.

Karaj samideanoj, bonvolu daŭre sendi mesaĝojn kaj informojn, se vi ne atendos mian reagon, sed iam, kiam tio tute ne estos akceptita, vi tion interpretu, ke kontraŭ-vole mi ĉesis retan komunikadon kaj enhospitaliĝis.

Pliposte vi povos scii pri mia forto pere de Japana Esperanto-Instituto kaj Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj. Kiel mi jam skribis, mi persistos resti en la reala mondo eĉ unu tagon plilonge kaj restos via fidelas kunlaboranton, apoganto al UEA, ĝis la fatala malsano devigos al mi ellasi lastan spiron.

Adiaŭ do karaj samideanoj, kvankam al mi preferinde estus elbuŝi: Bonan rikolton al la kongreso kaj feliĉon al vi ĉiuj. (2005/07/30, el Novembra numero La Movado, 2005, japana komuna organo de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj, Kjushua Esperanto-Ligo kaj Esperanto Ligo de Tyugoku kaj Sikoku )

## URBA STILO KAJ TRAJTO

Rostovo-ĉe-Dono…en la estonto

Antaŭ du jaroj Rostov-Don estis "promociita" ĉefurbo de la Suda Federala Regiono. Dum la historio ĝi ĉiam grave rolis en la suda parto de Rusio, Soveta Unio, (kaj denove) Rusio. Oni nomis la urbon "Pordego al Kaŭkazio". Fine de la 19-a, komence de la 20-a jarcentoj la urbo estis grava centro de komerco. En la urbo funkciis komercaj konsulejoj de sep ŝtatoj: Britio, Francio, Germanio, Nederlando, Grekio, Turkio. Kaj kiel ĉefurbo ĝi devas digene aspekti.

Ĉi-jare en februaro okazis konkurso pri ĝenerala plano de Rostovo por la estonto. Rivalis ses institutoj. Venkis la projekto de Sankt-Peterburga Instituto de Urbanistiko. Interalie, tiu ĉi instituto gajnis ankaŭ la konkurson pri konstruado de la Rostova provinco. Sed Rostovo ne similos al Sanka-Peterburgo, Rostovo konservos sian propran neripeteblan aspekton.

En la urbo oni malmuntos malgrandajn uzinojn, situantaj en la centro, kaj malgrandajn dometojn, se ili ne rolas historian valorecon. Estos plu konstruataj belaj multetaĝaj konstruaĵoj.

Per sia vizaĝo la urbo estas orientita al la rivero Don. Do, de tiu flanko komenciĝos la ĝenerala konstruado. De la placo Teatralnaja (Placo de la Teatro) al rivero Dono malsupreniĝos multetaĝaj konstruaĵoj.

Vizitkarto de ĉiu urbo estas stacidomo. En Rostovo ekzistas du grandaj fervojstacidomoj, kelkaj etaj fervojaj stacidomoj kaj du aŭtobusaj stacidomoj. Jam estas finita la rekonstruo de Rostova

fervjstacidomo. Nun oni komencis ornami la apudan teritorion. Krom novaj konstruaĵoj aperos multetaĝa aŭtomobila nodvojo.

De la apud-urba fervoja stacidomo komenciĝas ĉefa strato de la urbo Bolshaja Sudovaja (Granda Ĝarden-Strato). De tiu ĉi stacidomo trafikas vagonaroj en la Rostovan provincon kaj ĝis proksimaj stacioj de najbaraj provincoj kaj Ukrajnio. Inter tiu ĉi stacidomo kaj la strato fluas la rivereto Temernichka. Iam ĝi estis rivero, sur kiu navigis grandaj velŝipoj, ĉar la imperiestro Petro la Unua instaligis tie ŝipfarejon. Nun tiun rivereton oni purigas, kaj baldaŭ ĝi denove eksposedos belan aspekton. (el la kontrubuaĵo de Boris A. Zozulja al la germana gazeto PONTOJ 7/2003)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

Daŭro de la interŝanĝo inter Takatuki kaj Changzhou

La interŝanĝo de la du lernejoj jam daŭras pli ol 15 jarojn kun la helpo de Changzhou-Esperanto-Asocio kaj Esperanto-Societo en Takatuki.

Post la lasta 42-taga somerferio de Elementa Lernejo Yosumi, la lernejestro NISHIDA Takatoshi petis al Esperanto-Societo en Takatuki, ke oni traduku Esperanten lian mesaĝon al la estrino Li Lulu de Elementa Lernejo Dongfang.

Elementa Lernejo Yosumi planis sendi manlaboraĵojn faritajn de ties lernantoj dum la somerferio. Ni volonte plenumis lian peton.

Tiel Changzhou-Esperanto-Asocio ĉinigis la mesaĝon. Kaj Elementa Lernejo Dongfang ekspoziciis la senditajn manlaboraĵojn al siaj lernantoj kaj lernejanoj. Pere de Changzhou-Esperanto-Asocio ni ricevis fotojn, kiuj montris, kiel oni prezentis ilin kaj lernantoj rigardis la ekspoziciitajn manlaboraĵojn. Ni presis kolorajn fotojn kaj transdonis ilin al la estro de Elementa Lernejo Yosumi.

Plie ni montris la kunlaboran aferon en la lasta Esperanto-Ekspozicio por urbanoj, kiu estis okazigita de la 1-a ĝis la 3-a de novembro. (NAKATU Masanori)

## SERVA PLATFORMO

Usono

Seatlo havas 21 oficialajn ĝemelurbojn. Plena listo troveblas (kun mapo) ĉe http://www.geocities.com/lilandr/seatlo/GxudS/index.html Ili estas Beersheva en Israelo, Bergen en Norvegio, Cebu en Filipinio, Chongqing en Ĉinio, Christchurch en Novzelando, Galway en Irlando, Gdynia en Pollando, Haiphong en Vjetnamio, Kaohsiung en Tajvano, Ko-be en Japanio, Limbé en Kamerunio, Mazatlán en Meksikio, Mombasa en Kenjo, Nantes en Francio, Pécs en Hungario, Perugia en Italio, Reykjavík en Islando, Sihanoukville en Kamboĝo, Surabaya en Indonezio, Taejo en la norda, Koreio kaj Tashkent en Uzbekio. Se vi estas Esperantisto en iu el niaj ĝemelurboj, mi petas vin mesaĝi al ni ĉe seattleesperanto@gmail.com (Ros' Haruo)

## PAROLO DE LA REDAKTORO

Ĉar la lastaj mesaĝoj pri s-ro Takeuti Yosikazu atingis min en la 28-a de januaro, ĉi numero aperas malfrue. Ajna informo pri ĝemelaj urboj kaj siaj E-movadoj ĉiam estas bonvena.

******************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio

